# Konstru-Forumo 19

Novembro 2009

Jan Werner; retadreso: <...@...>

## Enkonduke al la 19-a numero

Per la elmontro de sociologia pritakso de la movado, ĉerpita el la gazeto SPEGULO, mi volis emfazi gravecon kaj utilon de nia farado direkte al la perfektigo de konstrufaka terminaro. En nia kolektivo neniu kulpigis redakcion de la gazeto pro skandaligo de la movado, male, niaj spertoj similas al la kritiko de troa amatoreco praktikata en la Esperanto-movado. En la lasta numero de KF eksonis voĉo ankaŭ pri pozitivaj agoj (Fabien), inter ili estis notita nia modesta profesia kontribuado.

Kiel do kompreni la aktualan malkreskon de via intereso pri la solvado de „termin-vakaĵoj“ en nia faka leksiko? La kvin taskoj (punktoj fine de la 105-a paĝo) estis preterlasitaj de la pliparto de la kunlaborantoj en KF (Rémy Bouchet, Joel Brozovsky, Bronislav Ĉupin, Pierre Grollemund, József Halász, Sándor Horváth, Đorđe Obradović). Mi konscias la realon de onia rilato al KF: libera sendeviga aparteneco, tro vasta gamo da nociaj problemoj, kiuj teme superas profesian specialiĝon de la multaj en nia teamo. Sed por pluraj solvataĵoj sufiĉas nur ĝenerala scio kaj lingva erudicio. Ne ĉiu voĉo devas esti rigore scienca.

Mian konscion iom embarasigas suspekto, ke mia maniero de kontaktado al vi estas tro pretenda, mi ofte instigas vin al studado de problemoj lingvaj, terminologiaj (citado de PAG, terminologiaj principoj k.s.). Povas esti, ke vi vidas min kiel malagrablan mentoron, kiu sin prezentas pli lerta ol vi kaj tiel ĝenas vin. Ĉu mi pravas? Bonvolu esprimi vin koncerne labormetodon kadre de nia libervola kaj aperta Konstru-Forumo. Sed konsciu, ke mi nepre ne mispaŝos al amatorismo. Mi partoprenas en la movado ekde la jaro 1948 kaj la aplikon de la linvo en mia fako mi praktikas ekde 1966, kiam mi komencis agi organize en „Teknika ligo“ (tiam gvidata de hungaro Bors) kaj en Ĉeĥoslovakio fondis „Teknikistan sekcion“ kadre de tiama esperantista „komitato“ aganta por restarigi la landan asocion (en 1952 likvidita de komunista reĝimo). Tuj de post la bazaj organizaj agoj mi ekstudis la ISO-normojn pri terminologio kaj leksikografio. Tre malmulte da seriozaj sekvantoj mi spertis en la pasintaj 43 jaroj. Ne miru do, ke mi, maljuna homo, atendas vian konstateblan interesiĝon pri niaj gravaj taskoj. Mi ne deziras esti mentoro, sed kunlaboranto. Mi ne dubas, ke en via ĉiutaga labora hastado vi trovos iom da tempo por la taskoj levataj en KF. Anticipan dankon. *WE*

## Kontaktoj

**Galina Terentjeva** (RU) junie 2009 promesis la kunlaboron. Mi dankas al ŝi pro la reago al KF 18, kvankam sen eniri la diskutatajn problemojn. Mi dankas kaj deziras kuraĝon partopreni aktive.

**Claude Longue-Épée** (FR), kvankam ne plu membro de TAKE, ne emanta membriĝi en KF, tamen komplezas partopreni en nia konstru-faka diskuto. Li meritas nian sinceran dankon.

**Pierre Grollemund** estas aŭtoro de du artikoloj en la Jarkolekto 2009. Mi konsulte partoprenis ilian redakton, proponis kelkajn ŝanĝojn lingvajn, terminologiajn, ĉar mi deziras, ke la Jarkolektoj de TAKE estu profesinivelaj fake, lingve kaj ankaŭ grafike, sisteme. Mia interveno kaŭzis ioman streĉon en la redakta-eldona kolektivo. Sekve Pierre konstatis kaj demandis onin: Mi estas nek inĝeniero, nek informadikisto, mi neniam legis PAG! Ĉu nepras esti inĝeniero aŭ gramatikisto por aperigi ion en la Jarkolekto?

Mia respondo (WE): Se iu verkas por publica celo, por presaĵo distribuata al la publiko, estas necese la tekston pretigi lingve perfekta, enhave valora, sisteme ordigita kaj stile facile legebla. Por plenumi tion ne estas necese esti inĝeniero, nek lingvisto, nek verkisto. Sufiĉas esti bona fakulo kaj klera homo, kiu scias klare formuli siajn pensojn. Nepra premiso estas scipovo de la aplikata lingvo. Mi aldonas, ke devo de redaktoro estas korekti ĉiun lingvan malperfektaĵon, eĉ sen demandi aŭtoron de la verko.

**Zdeněk Pluhař** estas ĉeĥa ĥemia inĝeniero, perfekta scianto de Esperanto, iama estro de Ĥemia Fak-Terminologia Komisiono de TC-ISAE. Mi petis lin pri la prijuĝo de mia difino de „bitumo“ en KF 18. Ĝenerale li aprobis ĝin kun du rimarkigoj: Li rekomendis ne akcenti „grandmolekulecon“, ĉar en bitumo povas aperi, ekde pentano, ankaŭ hidrogenkarbonoj ne apartenantaj al la grandmolekulaj, kvankam tiuj ĉi pli abundas. Due, Pluhař rekomendis ne uzi la adjektivon „altmolekulara“, sed „grandmolekula“.

Mi krome informas vin, ke somere 2009 en la eldonejo Kava-Pech aperis liaj ĥemiaj vortaroj esperanta-ĉeĥa kaj ĉeĥa-esperanta, kune binditaj, sur 202 paĝoj. La alfabete ordigita esperanta versio povas esti utila ankaŭ por neĉeĥoj. Al interesato mi povas ĝin prizorgi por 8 eŭroj plus sendokostoj.

**La reviziinto de PIV, Klaŭdo Roux**, invitis nin partopreni en la aktualigo de NPIV, kiu povus reeldoniĝi post tri jaroj. Tiu ĉi evento nin aktivigu ankaŭ en la esplorado de niaj terminoj tie jam envicigitaj kaj modifotaj kaj ankaŭ nove enmetotaj. Viajn proponojn bonvolu direkti al mi. *WE*

## **Ĝenerala kunveno de TAKE** (2009-10-18 en  Wintzenheim, FR)

Pri la kunveno venis raporto de la ĝenerala sekretario Edmond Ludwig. En ĝi estas menciitaj vastaj aktivadoj de TAKE, direktitaj al variaj utilaj iniciatoj ekstere de TAKE. Nin koncernas:

- Eldono de Jarkolekto de TAKE 2009 ĉefredaktorita de Rémy Bouchet kaj surpaperigita kaj dissendita de la kasisto André Grossmann.
- Reelekto de Fabien van Mook (vicprezidanto) kaj Rémy Bouchet (komitatano).
- Projekto por 2010: Jarkolekto 2010, ĉefredaktoro serĉata.
- Esplorado por trovo de novaj membroj, kiuj kunredaktu la artikolojn por Jarkolekto kaj kunlaboru pri terminaro en la kadro de Konstru-Forumo estrata de Jan Werner.

La kunvenon partoprenis ankaŭ Pierre Grollemund. Li esprimis sian kontenton per la vortoj: Mi havis la plezuron konstati, ke ni agadas en serioza asocio. Nu, restas tiom multe por fari!

Al la raporto estis almetita oferto de la eldonaĵoj de TAKE, inter ili de la Jarkolektoj 2005, 2007, 2008 (po 5 eŭroj) kaj 2006 (6 Eŭroj), mendeblaj ĉe la kasisto: André Grossmann, 5, rue des Pyrénées, 68390 Baldersheim, FR.

## **Félix García Blázquez: Hidraŭlika-sanitara terminaro**

La aŭtoro aperigis la terminaron en Caracas en la jaro 1982. Ĝi enhavas kvar partojn: Fluidomekaniko, Baraĵoj, Akveduktoj kaj drensistemoj, Traktado de akvoj. Laŭ mia prijuĝo ĝi estas traduka vortaro kvinlingva (esperanta, angla, franca, germana hispana), ordigita alfabete, ne sisteme, sen difinoj. Pro tio ĝi ne havas la karakteron de terminaro, sed de vortaro. Kopion de tiu ĉi verko afable prizorgis al mi la kolego Fabien van Mook. Studante ĝin mi notis kelkajn terminojn, kiuj rilatas al niaj temoj 15, 30 kaj al temo de mia artikolo kompilita por la Jarkolekto de TAKE 2009 (Frontado kontraŭ humido kaj akvo en domkonstruaĵoj). Jen ili:

**Fluidomekaniko**

3 akvo, subtera – A ground water – F eau souterraine – G Grundwasser – H agua subterránea
4 akvo, surfaca, surtera, supraĵa – A surface water – F eau de surface – G Oberflächenwasser – H agua superficial
16 arteza – A artesian – F artésien – G artesisch – H artesiano
21 debito: vidu spezo
29 dukto – A duct – F conduite – G Leitung – H conducto
37 fluo A flow – F effluent – G Abfliess; Ausfliessen, Abfluss – H flujo
40 flukvanto (PIV): vidu spezo
50 freatika (neologismo) – A phreatic – F phréatique – G fréé, ungespannte – H freático
66 kanalo – A channel – F canal – G Kanal – H canal
95 nepermeabla – A impervious – F imperméable G undurchlässig – H impermeable
104 permeabla – A permeable, pervious F – perméable – G durchlässig – H permeable
145 spezo (nova senco) – A (quantity of) flow – F débit – G Abflussmenge – H caudal, gasto
146 stacionara (neolog.) (pri ondoj) – A stationary, standing – F stationnaire – G stehende – H estacionaria
156 tralasiva (ark): vidu permeabla
190 tensio, surfaca – A surface tension – F, G (mankas) – H tensión superficial

**Akveduktoj kaj drensistemoj**

2 akvedukto A aqueduct – F aqueduc – G Aquädukt – H acueducto
3 akvokondukilo: vidu akvedukto
6 akvo, kruda – A raw water – F eau brute – G Rohwasser – H agua cruda
8 akvo, trinkebla – A potable, drink water – F eau buvable – G Trinkwasser – H agua potable
9 akvoj, enfiltraj – A percolating waters – F eaux d ͅinfiltration – G Sickerwasser – H aguas de infiltración
10 akvoj, malpuraj – A sewage waters – F eaux polluées – G (mankas) – H aguas sucias
11 akvoj, pluvaj – A rain waters – F eaux de pluie – G Regenwasser – H aguas pluviales
12 akvoj reziduaj – A waste waters – F eaux résiduaires G Abwasser – H aguas residuales
13 akvoj, surfacaj – A surface waters – F eaux de surface – G Oberflächenwasser – H aguas superficiales
14 akvoj uzitaj – A sewage waters – F eaux usées – G Schmutzwasser – H aguas servidas
66 kloako – A sewer pipe – F cloaque, égout – G Abwasserleitung – H cloaca
67 kloako, ĉefa – A trunk sewer, main collector – F grand collecteur principale – G Hauptsammler – H cloaca principal, colector principal
68 kloako, finflua, forflua – A outfall sewer – F émissaire de décharge – G Entlastungskanal – H emisario
69 kloako, flanka – A lateral collector – F emissaire latéral – G Seitenkanal –H cloaca lateral, subsidiaria

70 kloako, interkapta – A intercapting sewer – F collector d ̧interception – G Abfangleitung – H cloaca interceptora
163 sistemo, separita – A separate systém – F système séparatif – G Trennsystem – H sistema separado
164 sistemo, unik(ec)a – A combined systém – F tout à l ̧égout – G Mischsystem – H sistema unitario

La aŭtoro Blázquez la terminaron lanĉis kiel proponon kun la celo stimuli aliajn kolegojn por rekonsideri kaj precizigi la materialon. Ni do vidu la terminojn ankoraŭ kiel nekodifitajn (la normigo en Esperanto bedaŭrinde ne okazas). Menciinde estas, ke la aŭtoro konsultis la terminojn ĉe A. Broise (franco, tiam zorganta pri terminologia centro de ISAE, jam forpasinta), A. Bednařík (ĉeĥo, mia amiko loĝanta en Brno, inĝeniero pri akvomastrumaj vorkoj, nun ekster la movado), Zych (polo). La terminaron ni povas libere utiligi, la terminoj tie prezentitaj estas laŭ nia prikonsidero ĉu akcepteblaj, ĉu modifeblaj laŭ niaj kriterioj.

## La afero de la prepozicio PO

En la 18-a n-ro de KF mi atentigis pri neĝusta uzo de la porepozicio „po“ en la teksto de d-ro Zlatko Hinšt. Parte mi publikigis ĝin kaj poste komplete sendis al ĉiuj KF-kunlaborantoj aparte. Mi forte deziras, ke personoj okupiĝantaj pri esperantaj terminaroj estu maksimume kvalifikitaj ne nur pri sia fako kaj la terminologiaj principoj, sed ankaŭ pri ĉiuj detaloj de la lingvo Esperanto.

D-ro Z. Hinšt rezonis per pluraj ekzemploj ĉerpitaj el diversaj fontoj, sed li elektis erarajn aplikojn kaj tial lia argumentado havas nulan valoron. La traktaĵon mi ne publicas. Li argumentas ekzemple per:

- „elsendmeznombro po loĝanto“ – rilate kvanton de $CO_2$-emisioj alfalanta je unu loĝanto;
- „malneta enlanda produkto po loĝanto“ – statistika esprimo pri ekonomia kresko;
- energikonsumo po MEP-unuo“ – MEP = malneta enlanda produkto.

La ekzemploj ne rilatas al la distribuado bazita sur la prepozicio po. En la specimenaj frazoj estas la distribuataĵoj: emisioj, MEP kaj energikonsumo, ne loĝantoj kaj MEP-unuo. La prepozicion **po** estas necese meti ĉiam antaŭ la esprimon de mezuro (antaŭ la numeralon). Estas konate, ke okcidenteŭropanoj ne komprenas la prepozicion po, ĉar iliaj lingvoj por ĝi ne havas ekvivalenton. Zamenhof en la Fundamento tradukis la prepozicion iom komplike, por pluraj movadanoj miskomprenige:
la franca: *numéral distributif qui à le sens de: par, au taux de, sur la pied de*;
la angla: *by (with numbers)*;
la germana: *(bei Zahlwörtern) zu.*

Okcidenteŭropaj lingvoj la distribuon esprimas alimaniere kaj la denaskaj nacilingvaj parolantoj en Esperanto erare uzas la prepozicion *po* en la okazoj, kiam estas necese elekti prepozicion el inter: *en, je, sur, per, por, dum, laŭ*. Ekzemple: rapid(ec)o cent kilometrojn en horo (hore; aŭ per horo = km/horo – dividite per).

Zamenhof en la Fundamenta Ekzercaro, § 14, skribis: **Por miaj kvar infanoj mi aĉetis dek du pomojn, kaj al ĉiu el la infanoj mi donis po tri pomoj**. Ni observu la segmentojn de la frazo:

- Subjekto: mi.
- Distribuataĵo: pomoj; distribuata kvanto de pomoj: 12.
- Celata grupo: miaj kvar infanoj. – Suplemento de distribuo, unuopa membro de la grupo: infano.
- Unu egala (poa) parto de la distribuataĵo, ĉi-okaze kvarono, kiun anticipas „po“: 3 (po tri pomoj).

Estus grava eraro diri: Mi aĉetis dek du pomojn kaj mi donis tri pomojn po ĉiu infano. Kaj tamen Zlatko Hinšt prezentas ekzemplojn, kie estas **po** antaŭ unuopa membro de la celata grupo: po loĝanto.

Fermante mian kontribuon al la afero mi citas la lastan alineon de mia eseo „Por kiu estas la prepozicio PO diabla?“ (Revuo Esperanto, UEA, n-ro 10/2002.): Por esperantistoj, kiuj ne volas akcepti la Fundamentan karakteron de la prepozicio **po** kaj intencas plu puŝi ĝin en pozicion konforman al la okcidenteŭropaj lingvoj, mi memorigas, ke lingvoj ĝenerale ne estas plene interkomuteblaj, ĉar ĉiu el ili estas tute specifa en *perceptado de la mondo*, kiel tion foje priskribis Umberto Eco. La slava po-komplekso semantika, morfologia kaj sintaksa venis en Esperanton kaj **estas necese ĝin ellerni**. Perforti ĝin pro alia „perceptado de la mondo“ signifas naski bastardon.

Nun ni ankoraŭ sekvu PAG, kiu ĉi-rilate estas sekvinda (§ 87 (A, F); 133 (I); 207 (B).

**§ 87 F Distribuo: Po** antaŭ kvantesprimo signas, ke tiu kvanto estas unu el la egalaj partoj de sia pluroblo. *Po tri* do esprimas, ke la multoblo de tri (9 aŭ 15 aŭ 120 ktp.) dividiĝas en egalajn partojn konsistantajn el tri unuoj. *La gastoj venis po tri* signifas, ke ili venis en egalaj grupoj kaj ĉiu el tiuj grupoj konsistis el tri personoj… *La gastoj trinkis vinon po du glasoj* signifas, ke ĉiu gasto trinkis du glasojn da vino.

**§ 133 I Suplemento de distribuo**: Ĝi indikas, el kiom da unuoj, elementoj, aŭ el kia mezurita kvanto konsistas ĉiu unuopo de pluraĵo esprimita per la suplementita substantivo. Ĝia prepozicio estas **po**. La suplementita substantivo kompreneble devas esti ĉiam plurala. La senco de la suplementa **po** do estas: „konsistan-

taj ĉiu egale el…“ Ekz-e: *trupoj po cent soldatoj* (trupoj, el kiuj ĉiu konsistas egale el 100 soldatoj); *du premioj po cent frankoj; du bareloj da vino po cent litroj…*

**§ 207 Adjektoj mezurindikaj, B**: Al mezurindikaj adjektoj apartenas ankaŭ la *distribua adjekto* enkondukata per po (vidu § 87, F kaj 133 I). Ĉe la adjekta distribuo oni distingas kvar okazojn.

1. Oni signas la distribuon per numeralo. Tio okazas, kiam la tutan distribuatan kvanton signas la pluralo de ties elementoj: *la gastoj venis po tri; oni vendas tiujn cigaredojn nur po cent.*
2. Oni signas la distribuon per nombro de elementoj. Tio okazas, kiam la tuta kvanto estas esprimita per kolektiva nomo (ekz-e biblioteko, mono, speco ktp.) kaj la partoj per ties elementoj (ekz-e: libro, centimoj, pecoj ktp.): *li kunŝtelis sian bibliotekon po libro; oni kolektis la monon po kvin centimoj…*
3. Oni signas la distribuon per mezurvorto. Tio okazas, kiam la tuta kvanto estas esprimita per nomo de materialo, kaj la partoj per vorto havanta pli-malpli la signifon de mezuro (ekz-e: kilogramo, litro, barelo, glaso, skatolo, grupo ktp.): *vendi cigaredojn po skatolo* (skatolo da cigaredoj); *verŝi vinon po guto*; *la gastoj venis po grupo; distranĉi drapon po tri metroj*. Kiel oni vidas, la numeralon **unu** oni tiaokaze ellasas post **po**, kaj **po** estas uzebla ankaŭ prefikse kun adverbigo: pogute, pogrupe, poskatole, pobotele; same: poiom, poiome.
4. Povas okazi tia situacio, ke la elementoj de ia tutaĵo estas arigitaj en egalajn grupojn, kaj oni devas esprimi, kiom da elementoj rilatas aŭ koncernas ĉiun el tiuj grupoj. Ekz-e soldatoj (tutaĵo) grupiĝas en vicojn (grupo), kaj oni devas montri, kiom da soldatoj (elementoj) estas en ĉiu vico. Tiam la nombron de la elementoj oni esprimas per po plus numeralo, kaj la nomon de la grupoj oni enkondukas per iu prepozicio: *aranĝu ilin en vicoj, po ses en vico*[Z]*; mi fumis cigaredojn po 20 rubloj por cento*[Z]… Kiel oni vidas el la ekzemploj, la nomon de la grupo oni ĉiam esprimas singulare…

## Pri la sufikso -aci en la vorto „kanalizacio“

Mi revenas al la noto de **Fabien van Mook** pri la substantiviga sufikso en la vorto kanalizacio, li esprimis sin, ke „tio ŝajnas al mi orienteŭropa kutimo“. **Ginta Uittenbogaard** mesaĝis jenon: „Jes, la sufikso *-acio* estis multe kaj ofte erare uzita en lingvoj de orienteŭropaj landoj…”

Ambaŭ opinioj estas nur supozoj. La sufikso -acio (ankaŭ -cio, -icio) estas nek orienteŭropa kutimo, nek erara uzo. La sufiksoj estas latinaj kaj supozeble aplikataj en ĉiuj eŭropaj lingvoj, ili do estas internaciaj. En miaj gimnaziaj jaroj mi studis ankaŭ la latinan kaj mi rajtas aserti, ke la sufiksoj substantivigas latinajn verbojn kaj tiel formas el ili verbajn substantivojn. Ekzemploj: *administrare – administratio* (administrado), *dissipare – dissipatio* (disipado), *dubitare – dubitatio* (hezitado), *dominatio* (dominado, regado resp. memregado), *disseretatio* (scienca traktado), *consectatio* (klopodado), *dispersatio* (administrado kaj distribuado de financoj), *efflagitatio* (streba deklarado), *vindicatio* (defendado de ies rajto) kaj centoj da aliaj kazoj. Ili estu por ni valora fonto ne nur laŭ la formo, sed ankaŭ laŭ semantika enhavo.

PAG en § 362 informas, ke „en kelkaj okazoj la *cio*-formo estas pli oportuna pro sia pli vasta signifo, esprimanta kune la lokon, la agadon, la agantaron: *delegacio, redakcio, direkcio*; aŭ por signi teknikan terminon: *komparacio, negacio*. Mi aldonas, ke pri la problemo de internaciaj sufiksoj mi skribis ankaŭ en mia „Terminologia kurso“ (1986), paĝoj 47-50.

La afero de „vasteco de signifo“, priskribita en la antaŭa alineo, estas parenca al la substantivoj formitaj el verbaj radikoj per la gramatika finaĵo -o. Ekzemplo: *konstru’* (= konstrui, ĉar la radiko estas verba) deriveblas al *konstruo*. *Konstruo* = agado, nedaŭra konstruado. Daŭran konstruan agadon ni pluformas per la sufikso -ad: *konstruado*. Se ni bezonas esprimi rezulton de konstruado (produkton), ni aldonas al la radiko sufikson -aĵ: *konstruaĵo*, konstruo, kiu estas aĵo. Sed surbaze de la <u>principo pri sufiĉo</u> ni rajtas esprimi la rezulton – produkton – per la nura verba substantivo *konstruo*. PAG en la § 328 – p. 441-444 – konstatas: „Ni vidis (vd. § 286 pri <u>la senca elasteco de la finaĵoj</u>), ke la konkretan manifestiĝon povas esprimi ankaŭ la simpla verbosubstantivo. *Aĵo* kiel epiteto do nur pliprecizigas, fiksas, nepriga tiun ĉi sencon. Ĝi diras, ke el la eblaj du sencoj de *skribo* (WE: niakaze *konstruo*) (ago kaj konkreta manifestiĝo, rezulto) temas nepre pri la lasta.“ Ni do konsciu, ke konstruo estas ankaŭ konstruaĵo (apud konstruado), gravan rolon ludas kunteksto.

La t.n. „resumaj formoj“ sen la sufikso -aĵ povas laŭbezone signifi ambaŭ sencojn, simile kiel la vortoj kun la internacia sufikso -aci. Ni konsideru la aferon kiel utilan avantaĝon de nia internacia lingvo, kiu evoluis el la latina modelo. Tie la afero statas la sama: *administratio* ne estas nur administrado, sed ankaŭ administrejo kaj administristoj; *dissertatio* ne estas nur scienca traktado, sed ankaŭ ĝia rezulto, doktora disertaĵo – disertacio.

Mi petas, ke vi traktu la **temon 30** pri kanalizo, kanalizacio, kloako laŭ la donitaj informoj.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**<u>La temo 14 – asfalto, bitumo</u>**. Danke al Fabien estis eble nove trakti nian asfalto-bituman problemon el la vidpunkto de eŭropaj normoj. La atendata reago de **Jozefo Halász** ne atingis min. **Fabien**: La difino de

bitumo en via retmesaĝo de 16.9.2009 ŝajnas al mi bona (ne estante ĥemiisto, mi ja ne povas kontroli ĉiujn erojn de la difino. **Claude Longue-Épée**: Mi konsentas pri la de vi proponita difino de „bitumo".

Pro la nekonsento pri la difinoj de asfalto kaj asfaltobetono en la Terminaro pri betono (2002) el la flanko de J. Halász, ni konsideru la sekvantajn difinojn nur kiel **partan** rezulton de la diskuto, kiu ne venis al unu ĝenerala interkonsento. La difinojn apliku libere laŭ via volo kaj decido:

**asfalto** – **1** speco de laŭkonsiste komplika bitumoza materialo, nigra, hidrofoba, adherema, viskoza, duonsolida ĝis solida miksaĵo de hidrogenkarbonoj; kruda, en la naturo trovebla, kutime enhavas konsiderinde grandan kvanton de almiksaĵoj (argilo, kalkpetro, sablo k.s.) en diversaj proporcioj, diluebla en karbona disulfido, reale ĝi ne estas volatila, varmigata ĝi moliĝas. Sporade aperas en naturaj kuŝejoj – **natura asfalto** (*earthy/natural/native asphalt*), industrie ĝi estas akirata kiel reziduo de vakua distilado de nafto – **nafta asfalto** (*petroleum/oil asphalt, pitch bitumen*). – **2** (*en ŝosekonstrua profesia slango*) koncizigita nomo por asfaltobetono, kompozita materialo prezentanta la supran tegaĵon de veturejo (*roadway*) kaj de aliaj firmigitaj areoj; sternita, kompaktigita kaj rulpremita tavolo el miksaĵo konsistanta el asfalto/(bitumo), sablo, gruzo kaj event. almiksaĵoj.

**asfaltobetono –** kompozita materialo prezentanta la supran tegaĵon de veturejo (*roadway*) kaj de aliaj firmigitaj areoj; sternita, kompaktigita kaj rulpremita tavolo el miksaĵo konsistanta el asfalto/(bitumo), sablo, gruzo kaj event. almiksaĵoj.

**bitumo –** miksaĵo de solidaj kaj likvaj, precipe grandmolekulaj, hidrogenkarbonoj, iomgrade akompanataj per vaksoj kaj rezinoj, event. ankaŭ per alifataj acidoj kaj grandmolekulaj alkoholoj; bitumo sin prezentas kiel organika substanco diluebla en organikaj solventoj, ĝi formas esencan parton de nafto (kaj de produktoj el ĝi fabrikitaj), ĝi partoprenas ankaŭ en natura asfalto, tergasoj, gudro, karbo, ozokerito.

**La temo 15 – spezo aŭ trafluo**. Lastnumere Z. Hinŝt rifuzis *spezon*, konsentis kun *trafluo* kaj pledis pri la nova nocio-nomo: *konsum(ad)o*, kiun li en la detala traktaĵo taksis taŭga. Vi ĉiuj estis invititaj prijuĝi lian proponon, sed nur **Fabien van Mook** respondis milde rifuze, jen la esenca parto de lia mesaĝo:

„Daŭre mi pensas, ke ekzistas la ĝenerala nocio "kvanto en tempunuo", kiun mi signas per «spezo», kaj kiu estas ĝenerala, ĉar mi imagas ties uzon pri varmo, masa transiĝo, lumo, k.a. Sed, kiam mi relegis la rimarkojn kaj komentojn, ŝajnas al mi ke kelkaj kolegoj ne imagas tiun ĝeneralan ideon, kaj tuj kaj nur parolas pri trafluo de akvo. Krome, laŭ mi iuj konfuzas fenomenon kaj grandon. En KF 18 estas publikigita mia klarigo pri la diferenco inter trafluo (la fenomeno) kaj spezo (la grando). D-ro Hinŝt mencias «konsum(ad)on» de likvaĵoj kaj fluidaĵoj, kaj li prezentas ĝin kiel grandon, se mi bone komprenas lin. Laŭ mi, «konsumado» estas aŭ (a) la nomo de la fenomeno «foruzi kaj detrui iom post iom», kiun oni povas kvantigi per ĝenerala grando, ekzemple per spezo, aŭ (b) la nomo de grando, ekzemple «foruzata kvanto en tempunuo», kiu do estas speco de spezo. Tiuj, kiuj ne volas diri «spezo», rajtas uzi «trafluo» aŭ «debito». Mia kontraŭo al tiuj du terminoj ja ne estas fundamenta; «flukvanto» estas certe evitenda laŭ mi (vidu miajn klarigojn en KF 15).

Mi petas ĉiujn kolegojn legi mian artikolon en JK 2009, kaj poste esprimi en KF refoje sian opinion pri «spezo». Mi ja esperas ke la kunteksto de la artikolo donas pli bonan perspektivon al la problemo."

**Ginta Uittenbogaard** al la afero komunikis, ke ŝi iom timas plursignifecon de terminoj, ke eble „spezo" estas superflua, tamen ŝi aldonis „En ĉi tiu kazo mi tute konsentas kun ĝi."

**Jan Werner** opinias, ke la legantoj eble ne plene komprenis la rezonadon de Z. Hinŝt, ĉar el la vidpunkto lingva lia traktaĵo estis svaga kaj malfacile komprenebla. La deduktoj estis en konflikto kun la reala kodifiteco de Esperanto. En tiu situacio mi nur tre koncize esprimas mian opinion:

Ne estas necese studi la tutan tekston de Z. Hinŝt, lian argumentadon pri logiko, sufiĉas resti tuj ĉe la propono mem: *konsumo.* Ties signifon Z. Hinŝt mem eksplikis jene: „koncerna materialo (akvo, aero, benzino ktp.) devas esti forkonsumita." La realo principe diferencas. En la fluprocedo, kiun Fabien nomas *spezo* (kvanto en tempounuo), okazas tute neniu konsumo, laŭ PIV „iom-post-ioma detruo de la substanco ĝis ties plena neniiĝo". Oni eĉ ne mezuras, ne detektas iun ajn ŝanĝon de la fluanta substanco.

„Spezo" kiel nocio kaj termino ekonomika estas transportebla al alia sfero surbaze de simileco de iu propreco, kongruo de iu karakterizaĵo. Temas pri transporto de signifo kiel regula terminologia operacio. En „Terminologia kurso" (1986), p. 56-57, mi priskribis ĝin kiel metodon semantikan, kiu dividiĝas al du specoj: a) precizigado de signifoj ĉe vortoj de komuna lingvotavolo, b) metafora kaj metonimia transportado de vortsignifoj. La propono de Fabien pri „spezo" apartenas al metaforado. Mi konsideras ĝin ebla, la aferon same juĝis F. G. Blázquez (vidu la eltiraĵon de kelkaj terminoj sur la paĝoj 108-109).

La lastan proponon ni do povas preterlasi kaj konstati, ke nia kolektivo pri la nocio **spezo** ne sukcesis interkonsenti. Bronislav Ĉupin, Zlatko Hinšt kaj (laŭ mia memoro) ankaŭ Đorđe Obradović la terminon ne aprobis kaj ankaŭ ne esprimis sin indiferentaj.

Provizore do restas valida mia formulo el la 14-a KF: Fabien, kiel iniciatinto de la temo, estas profesia konstru-fizikisto. Mi instigas lin, ke li en la sendecida situacio mem elektu kaj decidu pri la apliko de la nova termino. Tion li praktikis en la artikolo por la Jarkolekto de TAKE 2009. Nun, post publikigo de la artikolo, ni povos denove malfermi diskuton pri la problemo, se montriĝos ies tia iniciato.

**La temo 30 – kanalizo, kanalizacio, kloako**. – **Claude Longue-Épée**: Mi rediras, ke mi konsentas kun viaj difinoj... La franca vortro *recipient* estus simple „ujo", aŭ pli precize, se povus okazi ambiguo, „likvaĵujo". – **Ginta Uittenbogaard**: Mi akceptas vian priskribon kaj la terminon "kanaliza sistemo". La sufikso *-acio* estis multe kaj ofte erare uzita en la lingvoj de orienteŭropaj landoj. Ekz., *organizacio* signifis organizadon kaj organizajxon. Simile funkcias la termino *kanalizacio*. Vi diras, ke ĝi estas la vorto Zamenhofa, sed ankaŭ li devenis kaj sian vivon pasigis en kelkaj orienteŭropaj landoj… Mi aliĝas al la diskuto pri *kloako*. Ĉu la specon de kloaka kanalreto oni nomas kanaliza sistemo? Kloako, laŭ mia scio, estas iu treege granda ujo, kien kunfluas tuta sanitara rubakvo de la urbo (do: la urba kloako) kaj de tie ĉi ĝi estas purigata por nova uzado. **Komento de WE**: Pri la sufikso vidu la apartan pritakson sur la p. 110. Kloako estas kloaka kanalo defluiganta kloakaĵojn, vidu KF 17, kloako ne estas "granda ujo", kiun vi opiniis "purigejo de rubakvoj" (germane: Kläranlage, Abwasser(renigungs)anlage, Abwasserkläranlage, Klärwerk; angle: sewage station, sewage farm, sewage works, sewage/waste treatment plant, waste-water purifying plant. – Vere estas utile interkonsenti nur unu nomon por Esperanto).

**Fabien van Mook**: Bonvolu noti ke mi proponis «sanitaran rubakvon» (kun «rub'» !) anstataŭ via «kloakaĵo». La flankelemento ja estas grava aldonaĵo. **WE**: Via rimarkigo estas ĝusta, tamen en la klasifiko de rubakvoj (KF 17, p. 97, ne troviĝas „sanitara akvo", sed tre malpura akvo kun ekskrementoj: „kloaka (rub)akvo". La adjektivo sanitara elvokas koneksecon al sano, ne al ekskrementoj! Via propono detruus la sistemon. – **Fabien**: Kiel (amplekse) kompreni la terminon «kloako». Mi ja komprenas, laŭ PIV-difino, ke krom «malpuraĵoj» temas ankaŭ pri industria rubakvo, ne nur pri hejma aŭ loĝada, ĉar ankaŭ industrio ja kutime troviĝas en urboj. **WE**: Estas necese aparte nomi rubakvojn kloakan kaj industrian, kiuj povas esti defluigataj ĉu aparte, ĉu kune miksitaj. Vidu la proponojn de Bláquez: 163 separita sistemo, 164 unik(ec)a sistemo. Industria rubakvo kaj ĝia defluigo estas traktenda laŭ grado kaj speco de malpureco, specialistoj pri kanalizo kaj higieno decidas pri ties defluigo, aparta aŭ komuna, aŭ pri aparta purigo rekte en la uzino. Pri la nomoj «separita» kaj «unik(ec)a» ni devos estonte konsiliĝi, la verbo separi nun en Eo havas sole la signifon: decidi pri separo inter geedzoj. **Fabien**: Pri la konstruo kaj etimologio de la esperanta vorto «kanalizacio»… En Esperanto kaj supozeble en aliaj orienteŭropaj lingvoj, nur la ideo pri forigo de (rub)akvo estas transprenita. Per Vikipedio mi rimarkis ke la germana, pola, rusa, serbokroata, turka kaj ukraina ŝajne uzas vorton similan al kanalizacio, dum la angla, franca, dana, sveda, itala, portugala kaj hispana uzas etimologie tre malsamajn vortojn. Tial mi diris ke kanalizacio laŭ la difino el KF 17 estas «orienteŭropa kutimo». **WE**: Bone! Mi la esploron ne faris, mi sekvis nur la etimologion – vidu la paĝon 110. **Fabien**: Mi ne kontraŭas al kanalizacio laŭ la difino en KF 17… **WE** pri la demando de Fabien: S-ron Witold Stępniewski, profesoron pri sanitaro kaj media inĝenierado en Lublin (PL) mi ankoraŭ ne alparolis, sed nepre ni fardos tion, kiam niaj konceptoj pri la temo ricevos pli klaran konturon. Ĉu vi povas min nove informi pri kontakteblo al li?

**La temo 31 – Bazaj terminoj en konstrufaka varmteĥniko**. – **Claude Longue-Épée** informis min, ke li konsentas pri la apliko de la sufiksoido –iv en la terminoj aperintaj en KF 18. – **Ginta Uittenbogaard** reage pri KF 18 demandas al Fabien: Vi skribis la frazon: „Ĉi tie *ne estas uzataj* varmokonduktiv(ec)o nek varmorezistiv(ec)o, kvankam *ili estas uzataj*." Kio kaj kie estas uzata?

**Fabien** detale pritraktis la aplikon de ĉu -ec, ĉu -iv, en la terminoj «kondukteco & konduktivo», sed mi intence ne publikigas ĝin, dume, ĉar mi ne volas influi la ceterajn kunlaborantojn. Ripete mi petas ĉiujn pri rekonsidero de la problemo kaj informo pri la starpunkto kun almenaŭ konciza priskribo de la moitivoj, kiuj influis vian preferon.

La temon mi nun traktas en la teksto (ankoraŭ ne finita) disponigota al fizikista skipo por prijuĝi.

## Postskribo al la 19-a KF-letero

Mi petas vin sendi al mi viajn komentojn kaj instigojn antaŭ fino de la jaro. La 20-an KF mi kompilos tuj komence de la jaro 2010. Temas precipe pri la aferoj:

1. Pritaksi la terminojn de Bláquez, signi la konvenajn kaj proponi ŝanĝon ĉe la nekonvenaj.
2. La temo 15: Ankoraŭ foje prikonsideri la terminon **spezo** (surbaze de la prezentitaj argumentoj).
3. La temo 30: Sur la p. 97 (KF 17) estas proponoj de terminoj el la fako kanalizacio. Kiu ankoraŭ ne esprimis sian opinion, faru tion (laŭ unuopaj proponoj).

4. La temo 31: Ĉu vi preferas «varmkondukteco» aŭ «varmkonduktivo» de varmizola materialo?

Brno, 2009-11-10 *Jan Werner*
(Retadreso ankaŭ: <...@...>)